2.ª Ep. AÑO V, (160) MARZO-ABRIL 1967




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 53 CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO

S. E. el Jefe del Estado Español, Generalísimo Franco
que ha aceptado la Presidencia de Honor del
53 Congreso Universal de Esperanto

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



## de secretaria

Por causas imprevistas este número de BOLETIN lo repartimos con algo de retraso, espero que sabreis disculparlo.

Los esperantistas zaragozanos con todo entusiasmo preparan el programa de actos para el Congreso, con el deseo de que vuestra estancia en Zaragoza aparte de fructífera en nuestra labor, sea grata para todos. Por la dificultad que hay para los alojamientos, yo espero y pido, que procureis enviar debidamente cumplimentados vuestros «aliĝiloj» lo antes posible.

El próximo número de BOLETIN que esperamos repartir a final del mes de mayo, lo enviaremos como todos los años contra reembolso a quienes hasta ahora no hayan pagado su cotización.

## deziras korespondi...

HISPANUJO.—Sro. Antonio Pitar deziras korespondi en Esperanto. Sanatorio «Royo Villanova» 4.ª planta, sala 5-ZARAGOZA

PUERTO RICO. — CLUB DE ESPERANTO, C/O Decano de Humanidades, Universidad de P. R., RIO PIEDRAS, P. R., F-ino Rosa González deziras gekorespondantojn por ŝi kaj sep

POLLANDO. — St. Zawidow, pow. Luban SL., S-ro. Nowacki Jerzy, 17 jaraĝa studento deziras korespondi kun hispana samidean(in)o pri sporto, muziko kaj turismo. Ankaŭ deziras korespondantgeamikojn por 10 pluaj gekolegoj, 16-17 jaraĝaj.

POLLANDO. — Wrocaw, str. Pszczynska 20/3, S-ro. Ryscard Wojtkiewicz, 24- jara plastikisto deziras interŝanĝi bildkartojn, alumet-etikedojn, prospektojn.

Mendu jam:

- Poŝtkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIIIª Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. la J. I K—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teksto «Esperanto la Lengua Internacional». 5 ptojn deko

# INVITACION

Nuevamente convocamos aquí, en Zaragoza, a una distancia de trece años desde la última vez que aquí nos reunimos, a la gran familia esperantista española, para celebrar a la sombra del Pilar y a las orillas del Ebro, nuestro XXVIII Congreso Nacional.

Realmente, ya fue, en cierto modo, una convocatoria anticipada la portada del número anterior de «Boletín». Glosando la copla popular allí transcrita al Esperanto, podríamos decir que son el Ebro y sus afluentes las rutas que marcan a todo esperantista el camino a seguir este mes de julio para hacer alto aquí, donde los esperantistas zaragozanos esperan a sus hermanos con los brazos abiertos.

Como en otras ocasiones ya dije, son de gran importancia estos Congresos donde, única vez al año, nos encontramos, no sólo los que integramos la Federación Española de Esperanto, que aprovecha la reunión para celebrar su Junta general, sino todos los que, atendiendo esta llamada, quieren responder a ella y pasar unos días en íntimo contacto con sus hermanos de ideal.

Esta importancia y, consiguientemente, el interés que tales Congresos ofrecen, cobra especial relevancia este año, en vísperas de la visita que han de hacernos, en gran número, seguramente, esperantistas del mundo entero. Por todo ello esperamos una respuesta a esta invitación que a todos hacemos, no sólo numerosa, sino, también, entusiasta, con ánimo generoso y dispuesto a trabajar allí donde su esfuerzo sea requerido.

Vuestro Presidente,
MIGUEL SANCHO IZQUIERDO



# MALGRAŬ ĈIO

SALVADOR GUMA

Trarigardo tra la ankoraŭ freŝa historio vidigas klare, ke la Progreso ne iras facile sur glata vojo puŝate de bonvolaj kleruloj aŭ sinoferaj idealistoj. Iu eĉ povis skribi, ke la Progreso estas verko de nekleruloj. Efektive, la mensa inerteco estas granda, la rutinemo ne cedema kaj la profitoj ne lasindaj. Se tamen ia progreso manifestiĝas, tio pruvas ke la granda homamaso sekvas, fine, la vojon prilumitan de tiuj personoj moke nomataj viziuloj, utopiistoj aŭ frenezuloj.

Ofte la ĉefaj barantoj de grandaj ideoj estas elstaraj homoj. Esperanto jam koliziis kontraŭ gravaj lingvistoj, kaj antaŭ du jaroj konata sciencisto skribis en unuaranga ĵurnalo, ke li ne kredas je Esperanto; sed li sciigis samtempe kun aprobo la «bakadon» de ies nova logika lingvo, la plej absurde malnatura laŭ la specimena skizo prezentita de li. Pro nescio li ne nur misjuĝis Esperanton sed ankaŭ la novan projekton; tamen, defendante tiun ĉi, li manifestis sin mondlingvano.

Tiu kaj alia malfavora cirkonstanco estas propra je ĉiu tempo kaj generacio; sed la vivo fluadas, kaj la «utopioj», se ĝuste fundamentitaj efektiviĝas unu post alia malgraŭ ĉio. Memoru la Suez-kanalon, kiun eĉ inĝenieroj kaj politikistoj konsideris ridinda neeblaĵo; tamen tiel reala ĝi estas, ke freŝdate ĝi kaŭzis militon. Auguste Compte, aŭtoro de l' Pozitivisma Filozofio asertis, ke pro la ega distanco neniam ni scios, kio ardas en la steloj; sed baldaŭ la analizo de l' stela lumo precize rivelis, kio ardas tie, je milionoj kaj milionoj da kilometroj. La kanonego de Jules Verne estis certe tre utopia... sed ĉu li mem povis imagi, ke baldaŭ oni povos rigardadi sur ĵurnaloj la neniam viditan bildon de la kontraŭa Lunoflanko? Ke jam num la alvojaĝo estas preparata?

Eble iu ĥirurgo povis al vi operacii sendolore organon en via ventro, aŭ simple eltiri denton kvazaŭ el ligno; ĉu vi sciis, ke la anestezo ne rapide prosperis ĉar longe ĝi estis konsiderata tre malmorala? Kiu povis imagi antaŭ nur cent jaroj, ke la nepenetrebla Afriko tiel evoluus, ke iam (jam nun) ĝi havus demokratajn ŝtatojn kun modernaj urboj? Ke la sklaveco (sen kiu Aristotelo ne konceptis ian socion) malaperus kiel hontinda monstraĵo? Stephenson devis aŭdadi de siaj kleraj rutinuloj, la ŝajne logikan aserton: «La lokomotivo ne produktos sufiĉan forton por treni sin mem»; sed ĉu Stephenson mem pensis, ke iam (jam nun) la lokomotivoj trenos tiel rapide homplenajn vagonarojn, ke iliaj fenestroj ŝajnos nur stompa rubando? Ĉu la ŝipoj veturas sen veloj, ho, primokita Fulton? Kaj vi, kataluna Monturiol, aŭtoro de ICTINEO, la unua submara ŝipo, forvendita de la akciuloj kiel rubo ĉar ĝi ne elmarigis trezorojn, ĉu vi imagis, ke la idoj de via malmuntita, ne plu rehavebla ŝipo veturos sub la norda poluso puŝate de atomenergio? Kaj post tio, ĉu vi imagus leganto, ke el kataluna urbo (nuntempe!) estis forigita la stratnomo, kiu honoris tiun inventinton, kiu ankaŭ mortis forgesite de la socio? Ĉu estas vere, Filipo Lebon, ke la membroj de l' Scienca Akademio ne volis kredi, ke vi per via gaso eligas flamon el tubo tute sen meĉo?

Ni devas nur analizi serene, ĉu la «Utopio», kiu en tiu bela tago naskiĝis en la kapo de la juna Zamenhof, estas ĝuste fundamentita. De tiu bela tago ĝis nun forpasis preskaŭ tuta generacio; sed la novaj adeptoj kreskadis ĝis monda amplekso kaj niaj Universalaj Kongresoj, precipe la jubilea en Varsovio en j. 1959a, pruvas eĉ al plej skeptika homo, ke nia utopio perdis almenaŭ la duonon de sia utopieco, kaj fariĝis jam duona realaĵo. Mi ne bezonas citi la faktojn kompilitajn en libro; oni mem legu. Se tamen oni konsideras ke Esperanto ne prosperas rapide, oni ne forgesu ke la Esperantoscio estas nek aĉetebla nek vendebla! Kiel ĉia scio!

Turistoj svarme disveturas ĉien, ofte per propraj aŭtomobiloj; ĉu ili aĉetus se antaŭe ili devus studi kaj lerni dum unu-du jaroj? Cetere, kiel oni parolas en fremda lando? Ja ne kiel mutuloj, kies arto paroli estas tiel miriga, sed kiel balbutantoj mimike kaj komike nur provantaj komprenigi sin.

paĝ. 6

*Post la apero de lasta numero de BOLETIN, la Universala Esperanto-Movado suferis gravajn perdojn.*

# INĜ. J. R. G. ISBRUCKER

La 20-an de januaro forpasis Inĝ. J. R. G. ISBRUCKER, unu el la plej prestiĝaj esperantistoj. Honora membro de U. E. A.

Esperantistiĝis en 1909 kaj dum multaj jaroj estis Prezidanto de la Akademio, estis konata aŭtoro kaj tradukinto de pluraj Esperanto-verkoj.

Pacan ripozon al li !!

# JULIO BAGHY

Jus ni ricevis dolorigan informon.

JULIO BAGHY, eminenta poeto kaj verkisto ne plu vivas!!!

Mia penso flugis al Budapest dum la Universala Kongreso, kiam longa aplaŭdado sonis kiel viva omaĝo de la tutmonda esperantistaro al la staranta figuro de nia eminenta samideano.

«...lastan fojon mi staras antaŭ vi», li diris dum lia saluto al la Kongreso, nome de Hungarujo, sed ni ne pensis ke tiel proksima estis lia fino.

JULIO BAGHY ne plu vivas!!!

Sed lia verko restas; antaŭ mi lia lasta verko «ĉielarko», ricevita de Stafeto antaŭ kelkajn tagojn. Kiel eta omaĝo de BOLETIN ni transskribas:



Geamikoj etaj
kaj plenaĝaj same,
ritme rime pretaj
fabloj sekvos ame
distri vin, forpeli
tagajn zorgon, prozon,
logi vin kunveli
en imagan krozon
sur la mar' fiktiva
de la fantazio,
kie homo, dio
ŝajnas esti vivaj...
Venu kun mi! Sidu
en poeta barko!
Kia estas —vidu—
mia —ĈIELARKO?

# JOSE PRATDESABA

Ankaŭ forpasis la 20-an de januaro, en la alta aĝo de 96 jaroj S-ro. José Pratdesaba, iama Prezidanto kaj fondinto de Grupo de Esperanto en sia naskiĝurbo Vich (Barcelona).

Li estis internacie konata astronomo kaj posedis faman privatan observatorion. La Internacia Luna Asocio en Londono dediĉis lian nomon: Pratdesaba al luna kratero.



**Forpasis nia pioniro**

# Teodoro Elizondo Calera

El día 16 de enero de 1967, a los ochenta y cinco años, falleció en Bilbao el destacado y veterano esperantista don Teodoro Elizondo Calera, de quien ya nos ocupamos en nuestro número de enero-febrero 1965, bajo el título «NIAJ PIONIROJ».

Hombre modesto, pero en posesión de una gran cultura fue, profesionalmente, Contador General del Banco de Vizcaya. Con una gran amplitud de ideas desde su más temprana juventud aprendió, por sí mismo, el Esperanto, siendo captado enseguida por la «interna ideo» de nuestro idioma. Gran benefactor de los humildes y clases modestas. Viajó por el extranjero en sus vacaciones y participó en numerosos Congresos Universales de Esperanto. Además de en castellano y Esperanto, podía también hablar en inglés, francés y EUZKERA, en cuyo idioma español (el más antiguo y, por lo tanto EL MAS ESPAÑOL de nuestra península), escribió su «ESPERANTO-GILTZA» (clave del Esperanto en EUZKERA). Fue, en muy distintas ocasiones, miembro del Comité Directivo del Grupo Esperantista de Bilbao, ocupando los puestos de Secretario y Presidente en muchas ocasiones durante los sesenta años de azarosa vida del Grupo. Explicó diversos cursos de Esperanto y, por medio de una asidua correspondencia, enseñó el idioma vasco a, por lo menos, dos esperantistas alemanes, en cuya labor estaba ocupado hace más de año y medio cuando ya estaba prácticamente privado del sentido de la vista y tenía que dictar sus cartas a algún esperantista bilbaíno.

Muy amante de la vida al aire libre, escaló gran número de montañas en el País Vasco durante sus años de juventud y madurez. También sostuvo muy interesante correspondencia con diversos esperantistas extranjeros, algunos ya muy veteranos y otros que pasaron a mejor vida. Entre los que actualmente creemos viven aún está el muy veterano esperantista sudete don BRUNO GAHLER, antiguo residente en el país de los Sudetes, en Checoslovaquia, y que actualmente está domiciliado en GLINDE, calle de Esperanto-weg, junto a HAMBURGO (Alemania).

Descanse en paz el llorado y veterano samideano vasco.

Luis de Otaola

---

La milionoj da homoj, kiuj pro bezono aŭ plezuro veturas alilanden; la internaciaj konferencoj kiuj sinsekve okazadas ĉie; la interŝtataj problemoj pri la Paco, la Milito aŭ la Tritiko; la Aviado, la Turismo, la Sporto aŭ UNESKO... pravigas kaj necesigas multe pli ol iam ain antaŭe la praktikan ekziston de nia neŭtrala Esperanto. Ridi je ni en la nuntempo povas nur ne akrevida, ne akrepensa homo, eĉ se tre grava. Nia afero estas kaj devas esti serioza. Tia ĝi ja estas kaj tia ĝi restos, se malgraŭ ĉio ni promesas kaj plenumas ĝisostan kaj ĝismortan fidelecon al Zamenhofa Lingva Fundamento en ŝtala unueco kun nia ĉiam pli vasta, impona kaj efika Universala Esperanto-Asocio. Nur tiel la utopio naskiĝinta en tiu bela tago fariĝos plena realaĵo, malgraŭ ĉio... alia.



# DANK' AL ESPERANTO MI LERNIS EGIPTOLOGION



La Profesoro de Egiptologio en la Brita Muzeo estis fama parolisto de angla lingvo kaj ĉiuj universitatstudentoj deziris aŭskulti liajn lecionojn. Mi ankaŭ volis aŭdi lin kaj sekve direktis miajn paŝojn al la Muzeo.

Sed bedaŭrinde por la aŭskultantaro tiun tagon la Profesoro estis furioza kaj apenaŭ komencis la klaso, pli laŭte ol kutime li diris: Ladies and gentlemen... Sinjoniroj kaj Sinjoroj: Mi ne estas profesoro de angla lingvo, sed de Egiptologio, tial mi postulas ke ĉiuj eksterlandanoj, kiuj nur venas aŭskulti miajn *paroladojn* sed ne miajn instruojn, havu la bonecon forlasi la lernoĉambron. Kaj ĉiu *lingvaŭskultanto* estis devigata foriri, kaj *ili* estis pli ol cent eksterlandanoj... *Ili*, kaj mi? Alvenis la pruva momento. Mi restis, sed li venis rekte al mi kaj demandis: Ĉu vi estas anglo? —Ne. Ĉu vi lernas Egiptologion? —Jes, Sinjoro, mi havas grandan intereson por la periodo de Ramzes, la princo kiun venkis Herhoro, poste edzo de la Faraonino, kun kiu komencis la teokrata regado.

Pri tiu historia momento mi povis paroli facile, ĉar mi lernis pri ĝi en la ĉarma verko LA FARAONO, tradukita de Kabe. Esperanto savis min: la Profesoro, kies konon kaj belan anglan lingvon ni ĉiuj miris, montris sin afablega por mi, kiun li konsideris *specialisto* en la Ramzesa kaj Herhora historio.

Kaj dank' al Esperanto mi devenis lernanto de Egiptologio.

FELIX DIEZ MATEO

---

# PROFESORO LEO MEURRENS

Dum la belaj Kristnaskaj tagoj de lasta jaro, eminentulo, belarta profesoro Meurrens el Lovena Universitato (Belgujo), forpasis tiel dolĉe kiel li vivis kaj tiu neatendita forpaso malgaje ĉagrenis la gajecon de tiuj intimaj festoj tiel multe de li amataj.

Li estis granda artisto kaj oni povas diri ke sia hejmo estis vere interesega muzeo privata, alloganta ĉiuspecajn vizitantojn.

La hejmo de Profesoro Meurrens estis ĉiam malfermita, ĉefe por esperantistoj, la simpatia edzino de li, ege konata inter la esperantistaro S-ino. Ana Meurrens, same kiel filino de ambaŭ, nia kara amikino Lona, ambaŭ partoprenantaj en hispanaj Kongresoj en Zaragozo mem, Barcelona kaj aliaj, tre entuziasme. Ambaŭ estos ĉiam ne forgesitaj inter ni ĉiuj.

S-ino Meurrens dediĉis, kun la aprobo de ŝia amata edzo, plej grandan parton de sia vivo al Esperanta movado, senlace laboranta por instruado, organizo de grupoj, ekskursoj k. t. p. ja oni povas diri ke la hejmo de geedzoj Meurrens estis Esperantujo.

La tempon ne dediĉita de Profesoro Meurrens al Esperanto oni povas diri ke edzino kaj filino dediĉis tutkore sub la dolĉa rigardo de li, por kaj pro Esperanto.

Ni tutkore kondolencas al tuta familio Meurrens pro la grava perdo de edzo, patro kaj artisto tiel amata. Plej kore kaj amase la geesperantistoj de Hispanujo kaj speciale la zaragozaj partoprenas sincere en tiu ĉagreno de niaj karaj amikinoj Ana kaj filino Lona, ankaŭ kondolencas al ceteraj gefiloj kaj familianoj tutkore.

*M. Casanovas*



# Homoj kaj faktoj

*BOLETIN inaŭguras ĉi-numere novan sekcion: «HOMOJ KAJ FAKTOJ».*

*En «HOMOJ KAJ FAKTOJ» ni intencas prezenti aktualajn problemojn de la esperantista mondo kaj submeti ilin al ekzameno kaj studo de aktivaj esperantistoj.*

*Per simplaj demandoj ni skizos la problemojn, tiamaniere ke elstaraj membroj de la esperantista komunumo havu okazon ilustri nin ĉiujn per valoraj opinioj kaj konsiloj.*

*Por plej brile inaŭguri la novan sekcion, ni petis kelkajn respondojn al Dra. Moŝto Don Miguel Sancho Izquierdo, Prezidanto de H. E. F., kies elstara figuro en la eduka vivo de nia lando, samkiel en la esperantista movado, tute ne necesas prezenton.*

*Parolas, do, la Prezidanto.*

—Sro. Prezidanto, kiel marŝas la Federacio kaj esperanto en nia lando?

—Tre bone. Mi kredas ke, post iu komprenebla parentezo, la hispana esperanto movado estas en epoko simila al tiu, kiun ĝi atingis en mia juneco, kun la avantaĝo ke esperanto estas jam por neniu suspektinda aŭ ridinda.

—Rezulto de la lasta Kongreso en Bilbao?

—Ĉiuj kongresoj donas al ni interesan rezulton, ĉar ili elmontras la tiaman staton de la esperantista movado; sed tiu de Bilbao estis speciale grava, ĉar ĝi okazis kiam la espero okazigi Universalan Kongreson en Hispanujo estis jam certigo por la 1968-a. Krome, ni ne forgesu ke la hispana esperantismo havas en Bilbao unu el siaj plej valoraj grupoj.

—Kiel vi antaŭvidas la venontan Kongreson en Zaragozo?

—Utilas io de tio, kion mi diris rilate la Kongreson de Bilbao. Sufiĉas diri en estonta tempo, kion mi diris en estinta, kvankam kun timo ke tio, kio estas simpla esprimo de realeco ŝajnus fanfaronado. La fakto ke la esperanta societo «Frateco», fondita je la jaro 1908 de tiuj tri homoj —unu el ili Don Emilio Gastón lasis tiel valoran idaron rilate al esperanto—, daŭre funciis kaj funkcias ek de ĝia fondiĝo, multe diras favore al la zaragoza esperantismo.

—La Universala Kongreso de 1968 okazos en Madrid. Ĉi rilate, Sro. Prezidanto, la ĉefaj problemoj estas...

—*Unu el la plej ĉefaj problemoj* el materia vidpunkto estas tiu rilatanta la loĝadon kaj helpon al la eksterlandaj esperantistoj kiuj vizitos nin. Alia, de tre malsama kondiĉo, sed tamen tre ligita al la antaŭa, estas sentigi al ĉiuj niaj samideanoj tiun respondecan sencon, kiu signifas nian devon bone helpi niajn gastojn, unue parolante flue kaj korekte esperanton, ne nur por interkompreniĝi, sed por ke nia esperantismo restu en bona loko.

—Tio pri la problemoj, kara Don Miguel. Kaj... la esperoj?

—Ekzistas ankaŭ aliaj problemoj malpli gravaj. Rilate al ĉiuj, mia espero estas ja optimista. Multe mi fidas en la L. K. K. kaj en la simpatio kaj komprenemo, kiujn ni trovis en ĉiuj superaj instancoj de nia lando.

—Kion vi petus al la hispanaj esperantistoj, Sro. Prezidanto, rilate la Universalan Kongreson en Madrido?

—Unue, disciplinon. Ne iri ĉiuj tra malsamaj vojoj, kiel oni diras ordinare. Ĉiu en sia loko, plenumante la propran taskon kaj ne alian. Due, unuecon. Ne fari apartan grupet-laboron. Pensante nur pri tio, kio unuigas nin kaj lasante por alia okazo niajn malgrandajn problemojn. Trie, plene kapabliĝi ĉiuj por bone plenumi la rolon al ni asignitan, kiel mi antaŭe menciis.

—Kaj nun, don Miguel, jen tute persona demando. La Prezidanteco de Hispana Esperanto Federacio certe kaŭzas al vi grandan laboron kaj ankaŭ, mi esperas, ian ĝojon. Esperantistoj multe ŝatus koni pri ambaŭ. Kion vi diras pri tio?

—La ĝojo estas tiel granda, ke en mia animo ne ekzistas loko por laceco kaj seniluziiĝo. En la animo, mi diras; ĉar la fortoj de la korpo ne ĉiam respondas.

—Sro. Prezidanto, mil dankojn pro viaj afablaj respondoj. Ĉiu hispana esperantisto scias bone, kiel granda estas nia ŝuldo al vi. Kaj mi estas certa, ke ni ĉiuj faros nian eblon por grandigi vian ĝojon kaj vin helpi en via strebado.

*Intervjuis JES*

## 4.a JUNULARA ORATORA KONKURSO

Denove la Junulara Sekcio de H. E. F. organizas «Junularan Oratoran Konkurson», kiu okazos en la kadro de la 28a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO okazonta en Zaragoza.

ĈIUJ GEJUNULOJ POVOS PAROLI PRI KIA AJN TEMO DE ILI PREFERATA.

Pliajn Informojn donos al vi la HEJS-Prezidanto, Salvador Aragay, str. Arce, 8, 2.º, 4.a Cornellá (Barcelona), aŭ en Sekr-ejo. de H. E. F.

Ni atendas vian aliĝon al la Kongreso kaj al la Konkurso.

H. E. J. S. Estraro

# D-ro LAZARO LUDOVIKO ZAMENHOF

1859 - 1917

14 de aprilo 1967




Kvindəka datreveno de la morto de D-ro. Zamenhof aŭtoro de Esperanto

# MIA PENSO

Sur la kampo, for de l' mondo,
Antaŭ nokto de somero,
Amikino en la rondo
Kantas kanton pri l' espero.
Kaj pri vivo detruita
Ŝi rakontas kompatante,
Mia vundo refrapita
Min doloras resangante.

«Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
Kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
El la kara infaneco »
Kion diri? Ne ploranta
Povis esti parolado
Kun fraŭlino ripozanta
Post somera promenado!

Mia penso kaj turmento,
Kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
Al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan—
La junecon— mi ploranta
Metis mem sur la altaron
De la devo ordonanta!

Fajron sentas mi interne,
Io pelas min eterne,
Vivi ankaŭ mi deziras,
Se mi al gajuloj iras...
Se ne plaĉas al la sorto
Mia peno kaj laboro—
Venu tuj al mi la morto,
En espero— sen doloro!

*L. Zamenhof*

 

## KUIRI PER LA SUNO

La Nacia Fizika Laboratorio de Israelo pretigis sun-kuirilon, kiu sub forta sunbrilo kapablas boligi 2 litrojn da akvo en 22 minutoj. La aparato konsistas el fera framo kun 12 precize samaj konkavaj speguloj, 30 cm larĝaj, kiuj direktas la sunradiojn al la subo de la kuirpoto. Ĝin munti povas persono tute sen ia teknika scio aŭ sperto, kaj oni povas malmunti kaj kompakte enpaki ĝin por transportado. Ĝi kostas nur 10-12 dolarojn.

La kuirilon oni elprovis jam en la dezerto Negeb kaj nun sendis eksterlanden por provado sub aliaj lokaj kondiĉoj. Ĝi havos la plej grandan valoron por regionoj tropikaj aŭ sub-tropikaj, kie krome mankas ligno kaj kie elektro estas manka aŭ multekosta.

Israelaj sciencistoj jam sukcese pretigis ankaŭ aliajn aparatojn, kiuj funkcias per sunradioj: akvo-varmigilon, jam uzatan en 100.000 hejmoj en Israelo, kaj elektro-generilon.

## GVIDLIBRO TRA LA ETERO

La ĉi-jara eldono de «World Radio TV Handbook» (Manlibro de la mondaj radio kaj televido), jam aperinta, enhavas krom detalaj informoj pri ĉiuj radio- kaj televido-stacioj de la mondo ankaŭ diversajn artikolojn pri rilataj temoj. Aŭskultantojn de la mallongaj ondoj aparte interesos artikoloj pri mallongonda radio kaj pri la jonosfero, kaj alia pri la plej taŭgaj anteno-specoj por diversaj kondiĉoj. Aliaj artikoloj temas pri la progresoj de Eŭrovido kaj interkontinenta televido kaj pri la atendeblaj novaĵoj de 1967. La Manlibron eldonas ĉiujare World Radio TV Handbook Co. Ltd., Sundvej 6, Hellerup, Danujo. Ĝi regule listigas sub aparta rubriko ankaŭ la staciojn, kiuj elsendas en la Internacia Lingvo.

## JAPANA MUZIKO SUR SES L. D. DISKOJ

Jus aperis ses novaj longe-daŭraj diskoj en la serio de Unesko «Muzik-Antologio de la Oriento». Ili plifaciligas la studon kaj ĝuadon de japana muziko por aliaj popoloj (precipe okcidentaj), kiuj malmulte ĝin konas kaj ankoraŭ malpli komprenas. Ĉiu disko havas belan kovrilon kun plena enkonduko kaj komentario, fotoj de muzikiloj, ludistoj kaj dancistoj kaj klarigaj muziknotoj. La plimulton de la registraĵoj unue faris la Japana Elsenda Korporacio (NHK), kaj ilia teknika kvalito estas tre alta.

La diskojn eldonis Barenreiter-Musicaphon (Kassel, Basle, Parizo kaj Nov-Jorko) kaj redaktis por la Internacia Konsilo de Muziko la Internacia Instituto por Kompara Muzikologio sub direkto de Alain Daniélou.

## AUROVILLE — URBO INTERNACIA

Apud Pondiĉeri, Hindujo, oni konstruos novan urbon por loĝigi internacian komunumon de 50.000 personoj el ĉiuj landoj de la mondo. Ĝi nomiĝos Auroville honore al Sri Aurobindo, la granda hinda religia gvidanto, kiu mortis en 1950, kaj ĝia bazo estos la religia centro («Aŝram»), kiun li fondis. La celo estas: kunigi en tiu nova centro la kulturajn valorojn kaj idealojn de ĉiuj civilizoj kaj kulturoj.

Dek francaj arĥitektoj kaj teknikistoj kune ellaboris la projekton kaj direktos la konstruadon. Kvar zonoj —loĝeja, internacia, kultura kaj industria— havos kiel sian centron la Templon de Unueco en la mezo de la urbo. La konstruado daŭros, en pluraj stadioj, dum la venontaj 15 ĝis 20 jaroj. La publikigo de la projekto koincidis, laŭplane, kun la 20-a datreveno de Unesko.



## NI HONORU LIN

# Sebastián Alberick Jofré

Kun profunda malĝojo ni informas al la hispana samideanaro ke la 19-an de la ĵus pasinta februaro, en sia 69 jaraĝo, forpasis ĉi tiu «paca batalanto» kies vivo estis aktiva agado por Esperanto.

Esperantisto de la jaro 1912-a, lia esperantista vivo estis longa kaj fekunda; vera aktivulo de nia movado, li estis firma kolono de la Esperanto-movado en Katalunio. Same kiel Prezidanto, kiel Sekretario aŭ kiel simpla membro, li estis unu el la animoj de la iama tre aktiva grupo PACO KAJ AMO el Barcelona.

Kun propra pronocstilo —rimarkinda, klarega— li estis brila oratoro en Esperanto, kaj dum kelkaj jaroj apartenis al la LINGVA KOMITATO.

Multajn kursojn li klarigis en la grupo PACO KAJ AMO ĉe CASA DE VALENCIA, en la grupo STELO DE PACO, kies honora membro li estis, ktp., ktp.

Lasta Prezidanto de Kataluna Esperanto Federacio, sed de ĉiam unu el ĝiaj plej aktivaj membroj, estis dum diversaj jaroj redaktoro de KATALUNA ESPERANTISTO, oficiala organo de la Kataluna Esperanto Federacio kaj publikigis kelkajn Esperanto-verkojn.

Estis membro de Hispana Esperanto Federacio kaj en lia hejmo, vere esperantista hejmo —lia vidvino S-ino. Pilar Molins ankaŭ estas fervora esperantistino—, estis akceptataj esperantistoj el la tuta mondo, ĉar el la tuta mondo estis iliaj geamikoj.

Fidela al nia idealo, kiu enhavas profundan sencon, progreseman vivkoncepton, senliman amon... la esperantiga laboro de nia samideano estis senĉesa, kun sindediĉo de la plej belaj jaroj de sia vivo. Li varbis ĉiam pli kreskantan nombron da personoj al nia afero; nelacigebla batalanto por interkompreno kaj unuiĝo li lernigis al la novaj esperantistoj, ne nur la internacian lingvon, sed ankaŭ la internan ideon kiu konsistigas la esencon de nia esperantismo.

Je la komenco mi diris, ke li estis firma kolono de la Esperanto-movado en Katalunio, kaj nun mi aldonas: Ke lia memoro estu por la junaj generacioj, kiel instigilo por ke tiu Esperanto-movado kiun li tiel profunde amis, daŭrigu la vojon de nia Majstro signita, ĝis atingi la celon, pensante ke la malfacilaj tempoj por Esperanto pasis, plejparte dank' al la persistemo kaj laboro de niaj antaŭuloj, sed ni ne devas ripozi ĉar longa estas ankoraŭ la trairota vojo.

PACE RIPOZU!!!

# OMAĜO DE «ESPERANTO-AŬRORO» AL SAMIDEANO T. RODRIGUEZ AGUILAR

La nomo de Timoteo Rodríguez estas bone konata de ĉiuj blinduloj en la tuta Hispanujo. Liaj kompetenteco, honesteco kaj sindonemo en la servo de la porblindula valencia organizo estas tiel meritoplena kiel lia peno por instrui Esperanton inter siaj samsortanoj. Tial, dum la kunveno de «Esperanto-Aŭroro» en la lasta kongreso en Bilbao, tiu fako decidis, unuanime, nomi lin Honora Membro de la Asocio.

Pasintan okan de Januaro, en la aktejo de la valencia Porblindula Nacia Organizo, sub la prezido de Sro. Jozefo Ballester, ties Estro, Sro. T. Rodríguez ricevis la omaĝon de «Esperanto-Aŭroro», «Hispana Esperanto-Federacio» kaj de la valencia blindularo. Per inspirita kaj sentoplena parolado, la Prezidanto klarigis, antaŭ multenombraj blinduloj kaj esperantistoj, kiuj plenigis la ampleksan salonon, la vivon, penojn kaj strebadojn de Sro. Rodríguez por plibonigi sian sorton kaj tiun de siaj kamaradoj; la meritojn de lia peno en la administrado kaj kalkulado de iliaj aferoj, kaj ne malpli, liajn klopodojn por esperantigi ilin. Forta aplaŭdado premiis lian paroladon.

Sekve, samo. Julio Osuna, sekretario de «E-A», per ege simpatia kaj kamaradeca aldiro, raportis la decidon de la societo rilate samo. Rodríguez, kaj, per humurplenaj vortoj —liastile— reliefigis la meritoplenan figuron de la sindonema samideano. Li ricevis sonoran ateston de la kontentiĝo de la aŭdantaro.

Pro foresto de Profesoro Santiago Miquel, Prezidanto de la Valencia Asocio de Esperanto, Dro. R. Herrero, per mallonga alparolado, prezentis la aliĝon de la valencia esperantistaro al la omaĝato, kiun li ekscitis al plua poresperanta agado, en kies tasko ne estas emeriteco, kaj ke li daŭre semu kaj semadu, laŭ konsilo de la Majstro. La ĉeestantaro varme aplaŭdis je la fino.

La vigla kaj kompetenta samo. Johano Devís, pro speciala mendo de Hispana Esperanto-Federacio, reprezentis ĝin en la omaĝo. Per trafa parolado li sukcesis kortuŝi ĉiujn pro la sentoplena esprimo de solidareco de la hispana samideanaro al samo. Rodríguez. Li meritis la fortan aplaŭdadon kiun li ricevis.

Prof. Anĝelo Figuerola, Prezidanto de «Esperanto-Aŭroro», klarigante la kialojn de la omaĝo kaj emfazante la eksterordinarajn virtojn kaj kapablojn de la honorigato, faris eksterklasan prelegon, kiu interesis la tutan aŭdantaron. Li montris la paralelon inter la blindulo Braille, kiu fortiris el profunda malsupereco la homan blindularon, kaj la okulisto Zamenhof, kiu, per Esperanto, malfermis, por ili, senlimajn eblecojn por internacia interkompreniĝo kaj sinsekva fratiĝo. La prelegisto diris ke samo. Rodríguez fariĝis lerta braillisto kaj, poste, entuziasma esperantisto, ĉar li, intuicie, komprenis tuj la nemezureblajn avantaĝojn kiujn la kuniĝo de ambaŭ konoj povis doni al siaj samsortanoj.

Ne eblas raporti la multenombrajn kaj instruplenajn paragrafojn per kiuj la oratoro regalis ĉiujn, kaj tial, ĉe la fino, li ankaŭ ricevis la pruvon de la ĝenerala kontentiĝo. Poste li anoncis ke, en baldaŭa dato, samo. Rodríguez ricevos artan platon kiel memoraĵon kaj ateston de tiu akto. Lastvice la omaĝito kortuŝite, dankis ĉiujn, kaj, per sinceraj kaj sentoplenaj vortoj eksponis kiel li, spontane kaj ne dankinde faris nur sian devon. Li promesis pluiri sian vojon, kaj li ricevis, plenmerite, la plej fortan aplaŭdadon.

Por digne kroni tiun simpatian vesperon, la meritoplena orkestro de la valencia blindularo, majstre gvidata de Prof. Aranda, interpretis diversajn pecojn, kaj la bela blindulino Fino. Ana María Ortells, kantis, ravige, du napolajn kantaĵojn, kaj, pro tio, estis tre aplaŭdata.

La valencia gazetaro raportis tiun simpatian akton, per kiu, tiel la hispanaj blidulojn kiel la esperantistoj, honoris sian elstaran kamaradon.

*CIRANO*



## 53ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



Nun, kiam de tempo al tempo ni aŭdas: «Alvenis la turisto numero X», ni diras: La 12-an de marto alvenis al aerodromo de Barajas, okaze de la 53ª Universala Kongreso de Esperanto, la esperantisto numero 1, S-ro. G. G. Pompilio, K. K. S.

Li estis en Hispanujo dek tagojn por kontaktiĝi kun la hispanaj esperantistoj, kiuj konsistigas la L. K. K.-on.

Granda entuziasmo kaj harmonio regis en la kunvenoj, kiuj estis plenaj da esperoj por la sukceso de la Kongreso.

## ESPERANTISTA GEEDZIĜO

Pasintan duan de Marto okazis en Valencio notinda geedziĝo. Samideano Antonio Moya, el Madrid, distinginda muzikisto, kaj Vicentita Tudela, filino de nia eminenta vortaristo D-ro. Ernesto Tudela, iniciatis la geedzan vivon. Ilia konatiĝo okazis dum la Kongreso en Palencia, kaj la fianĉiĝo dum la lasta Kongreso en Bilbao.



La solenaĵon ĉeestis multenombraj esperantistoj, kaj la meso estis celebrata de Patro J. Claramunt, veninta, intence, el Katalunio, kiu predikis en Esperanto, emfazante la influon de la lingvo, kiu fariĝis perilo de reciproka kompreno, paco... kaj amo. La Prezidanto de nia Federacio, Prof. M. Sancho Izquierdo, Honora Rektora Moŝto de la Universitato de Zaragoza, subskribis la koncernan atestilon, kaj ankaŭ tion faris Dro. R. Herrero, Honora Prezidanto de la Federacio.

Post la ceremonio, la multenombra ĉeestantaro kuniĝis en la salono «Chaume», iama sidejo de nia Federacio, kie, en simpatia medio, kaj dum gustuminda bankedo, ĉiuj povis konstati ke, pliafoje, Esperanto fariĝis edzperanto.

Ni gratulas la feliĉan paron, kaj nian karan Dro. Tudela, kiu, nun, devos prepari novan vortareton... por infanoj!

## ✳ *Ni legis por vi...*

*LA HOMO SUR SIA VOJO.* Autoro, Prof. Manuel Fernández Menéndez. Teksto hipana-esperanta. 376 paĝoj. Bindita. 130 gravuroj. Prezo 240 ptj.

Profesoro Manuel Fernández, fervora amiko de Hispanio, prezentas al ni libron, kie kuniĝas lia granda amo al esperanto kaj lia firma fido je la boneco de la homa koro.

Kun granda simpatio mi legis tiun libron, zorge planitan, prezentante ampleksan panoramon de la esperantista vivo en Urugvajo kaj pri la laboroj de la Unuiĝintaj Nacioj, al kiuj la libro estas dediĉita.

Granda nombro da fotoj —fakte 130—, kelkaj el ili vere historiaj el esperantista vidpunkto, igas la libron duoble interesanta.

La unua parto priskribas la gravan laboron de diversaj mond-organizaĵoj: ONU, UNESKO ,UNICEF, La Homaj Rajtoj, la esperanto movado estas tie pritraktitaj detale, kune kun mallongaj biografioj de diversaj eŭropaj kaj sudamerikaj elstaruloj en la kampo de scienco aŭ historio.

Same interesa estas la dua parto, subtitolita «Esperanto Lernolibro», kie Profesoro Fernández donas lecionon pri modesteco —kaj lerteco samtempe-utiligante la «Ekzercaron» de Zamenhof por lernigi esperanton, kun helpo de abundaj klarignotoj en hispana lingvo.

Multfoje mi demandis al mi, kial nuntempe neniu utilas la Zamenhofan Ekzercaron por la instruado de la lingvo. Tiu Ekzercaro estas mirinde simpla, kompleta kaj facile asimilebla al ĉiuj lingvoj.

Estas ĝojige vidi kiel sagace Prof. Fernández kaptis tiun «perditan» valoron de la zamenhofa teksto kaj ĝin profitis por diskonigi esperanton inter hispan-parolantoj.

Tria kaj lasta parto de la libro konsistas el mallonga antologio de hispanaj kaj sudamericanaj poemoj, kiuj aperas en ambaŭ lingvoj, hispane kaj esperante.

La elekto estas bona kaj la tradukoj ankaŭ, kvankam kelkfoje la tradukinto tre libere interpretis la regulojn pri rimo kaj mezuro.

Profesoro Fernández ne dubis meti en la libron kelkajn artikolojn el diversaj esperanto revuoj, tre bone elektitajn, kiuj kontribuis plivalorigi la libron.

La volumo estas verkita dulingve; hispane kaj esperante. Kiel kontribuo al esperantista literaturo kaj al disvastigo de nia lingvo en hispan-parolantaj landoj, ĝi havas certe gravan rolon antaŭ si.

**JES**

*KIE BOACOJ VAGADAS.* **Novelaro originale verkita en Esperanto de la finna verkistino Eija Salovaara. Eldonis, Dansk Esperanto-Forlag, Ingemansvej 9 — Abyhj (Danlando). Jaro 1967. 70 paĝoj. Formato 15 x 21 cm. Prezo** 7,50 dkr.

Jen verko, kiun mi, katenata de ĝia ĉarmo, tralegis tute senpaŭze. Temas pri naŭ rakontoj, esperante verkitaj per eleganta kaj flua esprimmaniero. E. Salovaara transportas nian imagon al la malproksima Laplando, en la plej norda Finlando, kie la grandaj arbaregoj, senlimaj vastejoj, mudaj montoj, ŝaŭmantaj riveroj kaj akvofaloj, lagoj kaj sovaĝaj kanjonoj kovras sin per dika neĝa tavolo dum la kelkmonata, sensuna, vintra nokto. Tiam, la arboj ŝajnas fantomoj, la montoj subteraj monstroj kaj la valoj kaj lagoj senfinaj glaciejoj, kie neniam plu revenos la suno. Senkompata frostega vintro, regata de malbonaj spiritoj, superstiĉoj kaj sorĉaĵoj, kiuj malaperas tuj kiam alvenas la printempo kun siaj fulmantaj grandiozaj nordlumoj, nokta somersuno kaj brila bunteco de la naturo. Tamen, estas tre danĝera la komenco de la sopirata printempo, ĉar, kelkfoje, post pli terura malvarma vintro ol ordinare, la degelo de montoj kaj riveroj okazigas inundegojn en la ĉeriveraj vilaĝoj, kies domojn katapultas kaj detruas la grandaj naĝantaj glaciblokoj. Miriga kaj timega lando «Kie boacoj vagadas», jen por serĉi bonajn paŝtejojn, jen por fuĝi de la sangosoifaj kuloj kaj tabanoj, kie ursoj dormas sian vintrodormon, lupoj hurlas sur la montdeklivoj, agloj majeste ŝvebas kaj, nur nestas en neatingeblaj rokofendoj de la montoj. Lando de longa tago kaj longa nokto, de lumo kaj mallumo, preskaŭ duonsovaĝa malgraŭ la nuna invado de turistoj vestitaj per elegantaj skikostumoj.

Sed, sur la plej nordaj montoj de la regiono, ankoraŭ restas veraj nomadaj familioj, laponoj kun praaj moroj.

Mi esperas ke, ne lastafoje ni povos ĝui legadon de verkoj de E. Salovaara, aŭtorino de «Sub la signo de la verda stelo» kaj «Kie boacoj vagadas».

Jan Otcenásek: *ROMEO, JULIETA KAJ LA TENEBRO.* Romano tradukita el la ĉeĥa de Vladimir Váňa. Lingve kontrolita de Milos Lukás kaj Henri Vatré. Prólogo de Louis Aragon. Kovrilo de Jan Schaap, Jr. Estafeto: Beletraj Kajeroj, 26. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1965 (1967). 12 x 18,5 cm. 176 paĝoj. Prezo: 1,20 usanaj dolaroj aŭ egalvaloro.

Majstra verko de Otcenásek, forte emocia. Por mi, la plej bona recenzo pri ĝi sendube estus ĝia prologo de Louis Aragon. Ĉio, kion mi povas diri, estas ja dirite de li. Dekomence, oni jam sentas kien iras la akvo. Nur la nomo «Romeo, Julieta kaj la tenebro»... Unue amo... sed, kion pli? Kaj tiel estas. Meze de premeganta atmosfero de timo, de necerteco, de mallumo, tio estas, de tenebro, de morala kaj fizika mallumo preskaŭ palpebla, okazas la tuta dramo.

En la jaroj de la sensvekiĝo, en tiu aĝo en kiu la vivo ekfloras kaj per sia juna forto kvazaŭ krevas pro troa abundo de novaj sensacioj, tiam, hazarde renkontiĝas ŝi kaj li, Paŭlo kaj Ester.

La fono de la romano —le ĉefurbo Prago dum la okupado de la germanaj nazioj, ĝuste, kiam Reinhard Heydrich «la Protektanto» estis murdita —kiel teruranta sonĝo pezas sur la loĝantaro, timigita antaŭ la ĉiutagaj mortigaj «avizoj» ĉie afiŝitaj, la tiel ofta turmenta aŭdado de la mortpafoj kontraŭ la martiroj kaj la bruaj lokaj radioelsendoj kun minacoj pri mortigo de ĉiu deka loĝanto se la krimuloj de la atenco ne estas baldaŭ kaptitaj... La freneza persekutado de la judoj kaj ties malapero en la koncentrejo de Terezín, kune kun malsato kaj senpova malespero por almenaŭ iel kontraŭstari tiom da senbrida sovaĝeco... Ĉio tio formas la tenebran medion kie disvolviĝas la impeta amo de la du junuloj.

Ester, antaŭe gaja knabino, poste timoplena persekutata judino kiu nepre devas iri en difinita tago, horo kaj vagonaro al la koncentrejo de Terezín, estas protektata, kaŝita kaj amata de Paŭlo, kun grava danĝero de morto por li kaj ties maljunaj gepatroj.

La natura impulsiĝemo de la unua amo kaj juneco forte ĵetas ilin unu al la alia ĝis la inicado, en unu momento dum kiu la mondo kaj la tenebro malaperas forgesitaj.

Amo, batado de koroj, angoro...

Mi ne konas la originalon kaj, tiel, mi ne scias ĉu la verko perdas per la traduko, aŭ ne. Tamen, ĝi taŭgas por tiuj, kiuj emas legi fortajn romanojn, vere emociaj, en bona esperanta stilo kaj ne facile forgeseblaj.

*J. Devís*

JULIO BAGHY: *Ĉielarko. Antologio de fabeloj originale en versoj reverkitaj.* Kovrilo de Jan Schaap Jr. — Stafeto: Beletraj Kajeroj, 27. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1966. 12 x 18,5 cm. 112 paĝoj. Prezo: 1.20 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro.

Estas plaĉe malfermi ĉielan fenestron de la maltrankvilo, tedo aŭ senespero, aŭ tiun de la fido, ripozo kaj ĝojo, por tra ili rigardi mirindan pluvarkon radiantan sur lazurfono. Sed ni imagu ke estas la *Ĉielarko,* kiun majstre pentris kun veterana lerteco Julio Baghy, kiu montras sin al niaj spiritaj okuloj: ĝi ampleksas la preskaŭ tutan planedan volbon; kaj ĝi konsistas el odoranta fasko da belaj diverslandaj legendoj, aŭ simplaj fabeloj, kiujn la poeto al si alproprigis, por tiel ilin strukturi laŭ perfekta prilaborita esperantlingva persona kreitaĵo.

La ĉielarko de Julio Baghy estas plua genia elmontriĝo ke la poeto regas la poezian konceptadon, per karakteriza efika sintakso; kaj ke la ideoj, sub lia magia vergeto, transformiĝas en vortan muzikon, laŭ akordoj de simplaj kaj trafaj irizaj metaforoj kaj esprimrimedoj riĉigantaj, pli kaj pli, la krudan valoron de ĉiu lingvero.

Oni vane serĉos en *Ĉielarko* metafizikan, socian, realisman aŭ subjektivan poezion. Oni ne povas en ĝi malkovri celon aŭ jukon de moderna renoviĝemo. Baghy volas resti firme en sia alta postamento de tradicia poeta prilaboristo. Eble, stilo kaj ideoj ŝajnus, laŭ prismo de avangardaj naciaj lingvoj, iom elmodiĝintaj. Eĉ oni povus diskuti pri la ĝusta efiko de tia poezikonceptado, rilate la nunan epokon de konstanta transformiĝo kaj avida serĉado de novaj esprimrimedoj kaj valoroj.

Sed ni plezure profitas la okazon, tra la fenestro, kontempli la klasikan, la ĉiaman pluvarkon: tiun, kiun jam vidis Noe tuj post ĉeso de la diluvo (kaj de tiam, pluvis ankoraŭ kelkfoje...). Ni scias ke ĉielarko povas paradi post petola aprila pluveto, aŭ torenta fulmotondro. Do, la versigita fabelaro recenzata, efikos ĉiam bone sur kiun ajn personan humoron.

La aŭtoro sciis elekti la plej konvenajn strofoformojn, ritmon kaj rimadon,

laŭ esenco kaj celo de la temo elektita. Kaj li neniam hezitis alfronti tutcertajn malfacilajn skemojn. Li montriĝas jen kiel oraĵisto («Sagaca Knabino»), jen lirike («Uraŝima»), jen kiel rava priskribanto («Minstrelo kun Ĉongurio»), jen kiel alta eposrakontanto («Meng Ĉiang kaj Van»), ktp. Kaj ĉiam la renoma hungaro aŭdigas belegan muzikon kaj montras artisman teksaĵon, kies varpoj kaj veftoj interplektiĝas kun sorĉaj rezultoj.

Pri la rimoj mi volas prezenti etan personan rimarkon: ili ore tintas; sed de tempo al tempo, neatendite, enŝteliĝas rimoidoj, kiuj al mia perceptado «tintas» iom plumbe.

En la fino de la bone presita kajero, estas enlistigitaj kelkaj postkorektoj. Sed pluraj, kaj ĝenaj, preseraroj ne troviĝas tie notitaj.

Jen, do, verko kiun oni povas juĝi, laŭ certa aspekto, netranscenda; tamen ĝi transcendas multajn ordinarajn aspektojn de la Esperanta beletro.

GABRIEL MORA

*INDAJ GEFILOJ DE LA LAO-POPOLO.* Neo Lao Haksat - Eldonejo. 1966ª. 100 paĝoj.

Kolekto de sep militaj rakontoj saturitaj je heroaĵoj de gerilanoj luktantaj kontraŭ potencaj armeoj, en la nuntempe plej malfeliĉa mondoparto.

La eldonisto antaŭparole diras al ni la kaŭzon de tiu luktado kaj pravigas ĝin. Laŭ konata diro, «La Historio ripetiĝas»; kaj ankaŭ kun sango knediĝas. Oni povas nur miregi, ke kiam estas preparata vojaĝo al Luno, ankoraŭ nun, kiel ĉiam antaŭe tre valoraj homoj devas malaperi kiel viktimoj de aliaj homoj!

Kiu volas —pli rekte ol per ĵurnaloj— ekkoni epizodojn de tiu senfina militado, tiu legu la libreton, kiu cetere estas klara kaj facile legebla, malgraŭ kelkaj lingvaj makuletoj, kiel: *avanci* (= rangaltiĝi) en senco *iri antaŭen*. *Lanĉi* kuglojn = ĵeti; ke la filinoj *sinvestas* = sinvestu komand*ita* de Ĉum = komandata; bone ŝirm*ata* = ŝirmita; k. a.

*NATURA NUTRADO,* de Ole Ramby. Tradukis el la dana Betty Larsen. 14 paĝoj. Monopola Vendejo: S. A. T. 67, Avenue Gambetta. Paris-20.

Prezentas la aŭtoro idealan nutradon de la Homo. Etiko kaj Estetiko apogas tre serioze lian teorion, kies bazo estas la Naturo. Tamen, la demando estas, ĉu la Homo estas ankoraŭ natura, post tiom da miloj da jaroj, dum kiuj li adaptiĝadis tiel same al preskaŭ polusaj frostoj kiel al elvatora varmego. Kiam kaj kial li komencis uzi ovojn, lakton, viandon? Ĉu estas biologie pruvite, ke la ovoj —entenantaj substance tutan birdon— nur elrabas niajn rezervojn? Ĉu fakte sana homo ne estas pikata de insektoj kaj estas imuna je infektaj malsanoj, kiel malvarmumo kaj tuberkulozo? Malgraŭ la demando, oni legos profite tiun kolekton de sanigaj, etikaj principoj bele prezentitaj.

La teksto estas clara, facile legebla, eĉ se ie sentiĝas la tradukileco. Anstataŭ *intestfloro* pli bone estus *intestflaŭro.* Bedaŭrinda estas la larĝa uzado de *ĉe,* kiu anstataŭas sep aliajn prepoziciojn, krom gerundio, ekz: *ĉe priĵuĝo de aĵoj* = priĵuĝante; *ĉe la Naturo* =

*S. Gumá*

LA FELIĈO kaj ses aliaj kantoj, Disko eldonita de Universala Esperanto Asocio, Prezo 2,50 gld. 10 steloj. Kantas, Ramona van Dalsen kun akompanado de Toos Schoonman, ambaŭ el Nederlando.

Ĉi tiu disko bone povus parenciĝi kun la nuntempa movado de Folk-Song.

En tiu movado, kantante pere de spontaneaj melodioj, temojn pri ĉies homoj kaj tagoj ĝi reprezentus la espero.

Ili estas tiaj idealaj kantoj kiuj ekfloras en amika kunveno, en ekskurso, aŭ rompas solecan momenton.

La interpretado akordiĝas kun tio kion la kanto reprezentas. Plaĉa kaj belsona voĉo kiu, kun eksterordinara facileco, esprimas siajn sentojn. Tute aparte de tiaj virtuozismoj uzitaj kiam oni interpretas komercajn verkojn.

Ni ne elektos: ĉiuj kantoj estas trafaj kaj la vortoj kaj la muziko akordiĝas.

*Ili* plaĉos laŭ la personaj preferoj aŭ la momento.

*Victoria*

ESPERANTO libera lingvo: Vilho Setala. 12 paĝa broŝuro. Prezo 10 ptj.

Letero al K. Kalocsaj okaze de «moto» aperigita en verko Vojaĝo inter la tempoj.

En la letero oni klarigas gramatikajn vidpunktojn, kaj ĝia legado estas interesa por ĉiuj kiuj interesiĝas pri tiuj temoj.

GEPATRA BULTENO, eldonas kaj redaktas Derrick P. Faus, sub la auspicoj de U. E. A. Jarabono por 4 numeroj 3,50 gld. (14 steloj) pagenda al U. E. A.

## FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

**TESORERIA**

**Balance en 31 de diciembre de 1966**

### COBROS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit del año 1965 | | 15.407,30 | |
| Cotizaciones | 58.737,— | | |
| Complementos voluntarios cotización | 257,— | | |
| Cuotas de extranjeros | 3.243,— | | |
| Donativos | 5.785,— | | |
| Venta de material y diplomas | 434,— | | |
| Congreso de Bilbao | 5.308,95 | | |
| Intereses | 166,07 | 73.931,02 | 89.338,32 |

### PAGOS

| | | | |
|---|---|---|---|
| BOLETIN: | | | |
| Composición e impresión | 40.186,95 | | |
| Fotograbado | 3.942,— | | |
| Sobres | 1.720,— | | |
| Gratificación Director | 1.000,— | | |
| Campaña Navidad | 250,— | 47.098,95 | |
| Cuota de U. E. A. 1966 | 3.920,— | | |
| Informaoficejo | 2.000,— | | |
| Información y propaganda | 2.616,80 | | |
| Papel, sobres, postales y saludas | 651,80 | | |
| Impresos | 205,— | | |
| Telegramas | 257,30 | | |
| Sellos de correos | 5.346,45 | | |
| Material escritorio | 472,70 | | |
| Limpieza máquina escribir | 100,— | | |
| Fotocopias | 180,— | | |
| Lotería | 100,— | | |
| Libros para H. E. F. | 240,— | | |
| Libros regalados por H. E. F. | 207,— | | |
| Obsequio a los congresistas en Bilbao | 2.424.80 | | |
| Reglamentos | 2.326,15 | 21.048,— | 68.146,95 |
| *Superávit en 31 de diciembre de 1966* | | | 21.191,37 |

MARIA PILAR GOMEZ
*La Tesorera,*

### ELDONA FAKO DE H. E. F.

He aquí las cuentas de esta sección:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Capital a amortizar | | | 4.719,45 |
| **Gastado** | | | |
| Material diverso | 29.302,65 | | |
| Premio Concurso | 360,— | 29.662,65 | |
| **Ingresado** | | | |
| Venta material | | 26.252,60 | 3.410,05 |
| *Debe la Eldona Fako* | | | 8.129,50 |

### LIBROSERVO DE H. E. F.

Resumen de cuentas 1966:

| | |
|---|---|
| Cobrado de libros, etc. | 75.917,80 |
| Pagado de libros, etc. | 64.212,47 |
| *Beneficio* | 11.705,33 |
| Gastos generales | 4.271,68 |
| *Beneficio líquido* | 7.533,65 |

Zaragoza, 31 de diciembre de 1966.

INES GASTON

## 28ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



*Organizita de la Hispana Esperanto Federacio*

Okazonta en Zaragoza de la 18ª ĝis la 23ª de julio 1967ª

Adreso de la Organiza Komitato: Secretariejo de H. E. F.
Av. Marina Moreno, 35, 4.º — ZARAGOZA

Loka Kongreskomitato: Prezidanto: Miguel Sancho-Izquierdo; Vicprezidantoj: Fernando de la Puente Solsona, Víctor Ortiz Gratal; Sekretario: José Andrés Aldana; Kasisto: Carlos Boloix; Voĉdonantoj: Josefina López, Demetrio Berges Marías, Emilio Pérez Jimeno, Jaime Benito Cedo.

## 52ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO



Okazonta en Tel Aviv de la 2ª ĝis la 9ª, VIII, 1967

*Sub la Alta Protektado de Zalman Shazar*
*Ŝtatestro de Israelo*

Konstanta adreso:

Nieuwe Binnenweg 176
ROTTERDAM-2 (Nederlando)

## 23ª INTERNACIA JUNULARA KONGRESO

### OKAZONTA EN NATANJA

de la 9ª ĝis la 16ª VIII, 1967

Adreso: 23.ª I. J. K. de Esperanto - p. k. 380 - NATANJA - ISRAELO

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z.- 375 - 63